# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H. Hodler.†
Redaktoro : Robert Kreuz, L.K.

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

# Liĥtenstejno

## La kastelo de Vaduz

*Ho, Liĥtenstejn', Vi, bela land' !*
*Vi, land' de ĝoj' kaj paco !*
*Por kara nia hejma land'*
*Destinis vin Di-graco.*
*Kaj kie via nomo sonas,*
*Nur laŭdon ĉiuj lipoj konas.*
*Vi, land' de ĝoj' kaj paco !*

J. B. Büchel.

**ENHAVO :**



**31-a Jaro N° 419**

**JULIO 1935**



# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra Jaro 1934/35
N-ro 9 — Julio 1935

*Kunveno de la Komitato de UEA en Romo.*

Al la komitatanoj kaj estraranoj estas sendita invito kaj tagordo de la komitata kunveno en Romo.

*Oficiala raportaro al la 27 U.K. en Romo.*

Ekzemplero de la raportaro al la Dudeksepa kun la jar-raporto de UEA estas sendita, rekte el la presejo, al ĉiuj estraranoj kaj komitatanoj.

*Jarlibro 1935 (Suplemento al 1934)*

La materialo nun estas kompleta, tiel, ke la preso kaj ekspedo povos okazi tuj post la kongreso de Romo. Malfacilaj kondiĉoj de laboro, kaj precipe de financoj, ne ebligis pli fruan aperon. — Al la novaliĝintoj estas sendita tuj post pago de la kotizo la jarlibro 1934. La suplemento por 1935 estos liverata al ili tuj post apero.

*Nova sukceso ĉe la hungara poŝto.*

Ni petas niajn membrojn kaj precipe la delegitojn pri efika helpo de nia iniciato ĉe la hungara poŝto. Pri detaloj oni vidu paĝon 104 (8).

10 julio 1935. Robert Kreuz, Direktoro.

## ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

### Acoroj

*Angra de Heroismo.* — D : Joao Francisco d'Avila, Escola Comercial de « Madeira Pinto ».

### Alĝerio

*Philippeville.* — D : André Arcamone, 3 rue du Clocher. VD : Emile Jean Cuomo, Vinberkulturisto, Damremont.

### Aŭstralio

*Tamworth.* — D : Reg. Cleary, P.O. Box 157.

### Belgujo

*Kortrijk.* — VD : Albert Cognie, Mœskroenstraat 11.
*Bruges.* — VD : Charles de Coster, 9, Gilleskerkstraat (Korektigo).
*Charleroi.* — VD : Victor Demoulin, 24, rue de l'Egalité (Korektigo).
*Antwerpen.* — VD : Auguste Faes. L. Herenthalsstraat 100 (Korektigo).
*Ostende.* — D : Joseph Snykers, Kerkstraat 32. VD : Lucien Houppe, Waterwerkstraat 20.

### Britujo

*Bristol.* — D : E. Robinson, 10 Wick Rd. Brislington.

### Ĉeĥoslovakio

*Tábor.* — D : Karel Suk, Trida čsl. Legii 1282.
*Kosice.* — D : Jan Szabo, Masiarska 16.
*Dolni Bousov.* — D : D-ro Frantisek Vanek.

### Danujo

*Laurbierg.* — D : Chr. Heilskov, Verkisto.
*Aalborg.* — D : C. Mathiasen, Käerlundsvej 3.

### Francujo

*Haguenau.* — D : F. Kiehl, Prof. 8, Rue du Château Fiat. VD : E. Pfister, 15 Bld. d'Alsace.
*Marienthal ap. Haguenau.* — D : Louis Münck, Grand'Rue 37, Haguenau (Korektigo).
*Marxenhouse ap. Haguenau :* — VD : F-ino Elisabeth Bauer, Bld. d'Alsace 9, Haguenau (Korektigo).

### Germanujo

*Neuhaldensleben.* — D : Georg Bohne, Postschliessfach 15.
*Schloss-Holte b/Bielefeld.* Westfalen. — D : Heinrich Dresselhaus, am Bahnhof 173.
*Gleiwitz.* — D : Oswald Jeschonek, Klosterstr. 19.
*Wolfen b/Bitterfeld.* — D : Otto Menicke, Gartenstr. 49.
*Otterbach.* — D : Willi Neu, Edukisto.
*Pirna-Copitz.* — D : Rolf Heinz Richter, Karl Büttner Str. 5/1.

### Greklando

*Lesvos.* — D : Georgo Marangelis, Plomari ; VD : Grégoire Papakonstantinou. Eressos.
*Ano Komi Kozamis.* — D : K. Stefanakis, Enomotarĥin. Horoflakin.

### Hungarujo

*Kalocsa.* — D : Prof. D-ro Ferenc Erdey, Tanitók háza, P. 11. 25

### Japanujo

*Osaka.* — D : (Komuna Socipolitiko) : Ikegawa-Kiyosi, Koori-en Kitagawati-gun. D (Medicino) : Siro Matano, Kuracisto, Sonezaki kami III-7, Kita-ku. D (PTT.) : Sooiĉi Kojima, Kasugaetyo 6 68, Kita-ku.
*Kanazaua.* — VD : Prof. Segaua, Morimaci 1.— banco.
*Nagasaki.* — D : Ken Takahara, 56 Ginyamachi.
*Tokio.* — D : (Fervojo) Kakutaro Tanaka. Komukjoku, Hosenka Tecudoŝo.
*Toyama.* — D : Takasi Watanabe, Toyama Kogio-Gakko.

### Nederlando

*Amsterdam.* — D : Hans Bakker, Rokin 57.
*Alkemade.* — D : L. G. C. de Jong, Roelofarendsveen B. 138.
*Apeldoorn.* — D : T. C. Reininga, Badhuisweg 72.
*Alkmaar.* — D : S-ino W. v. Schagen, Houttil 5.
*Zwolle.* — VD : M. Wiersma, van Ittersumstraat 96.
*Goes.* — D : F-ino A. G. Zellenrath. Rimmelandstraat 4.

### Nov-Zelando

*Nelson.* — D : F-ino Glen Carty, 88 Vanguard St.

### Portugalujo

*Quinta da Carreira.* — D : D-ro Celestino de Azevedo. Advokato.

### Rumanujo

*Mociu.* — D : Karlo Mocsi, Jud. Cluj.
*Oravita.* — D : Otto Adrian Schoibert, Piata Unirei 5, jud. Caras.
*Manastur.* — D : Vasilo Toth, Of. Bujor, jud. Severin.

### Svedujo

*Falkenberg.* — D : Allna Bengtsson, Box 6.
*Lindesberg.* — D : Sven Brogren.
*Hoganas.* — D : A. Johansson, Stromgatan 7.

### Usono

*Arden.* — D : Frank Stefens, Skulptisto.

## ŜANĜOJ :

anstataŭ la ĝisnuna delegito funkcias :

### Belgujo

*Liège.* — D : René Dechesne, Rue de la Meuse 38. Sclessin-Liége.

### Ĉeĥoslovakio

*Olomouc.* — D : Albin Neuzil, Neredin.

### Kanado

*Toronto 4.* — D : Harry S. Boyd, 31 Salem Ave.

### Nederlando

*Culemborg.* — D : W. Grolleman, Westersingel 9.
*Amsterdam.* — VD : H. Veenstra, Laplacestraat 60.

# La Internacia Elektroteknika Komisiono (IEC) akceptis Esperanton

*Konsiderante la gravecon de Esperanto en la teknika kampo, je pluraj okazoj ni publikigis en niaj revuo artikolojn pri Esperanto kaj la tekniko.*

*Hodiaŭ ni povas raporti pri grava sukceso en la kampo de la elektrotekniko. Ĝi estas la rezulto de sistema, koncentrita, plurjara agado de fakistoj-esperantistoj. La iama ICK kaj poste la Sekcio de Eksteraj Aferoj de UEA donis sian tutan helpon eblan al la rilata entreprenado.*

La Redakcio.

*Akcepto de Esperanto.* La ĵus okazinta kongreso de la Internacia Elektroteknika Komisiono (IEC) definitive akceptis Esperanton por sia oficiala vortaro. Pro la granda scienca kaj ekonomia aŭtoritato de IEC la akcepto de Espe ranto estas fakto gravega.

*Konsisto de IEC.* En ĉiuj industriaj landoj ekzistas « Naciaj Elektroteknikaj Komitatoj ». Iliaj membroj estas reprezentantoj de la ŝtataj institucioj, de la elektroteknika scienco (universitatoj) kaj de la industrio. Ĉiuj naciaj komitatoj kune konsistigas la korporacion IEC; fondita en 1906, ĝi estas la internacia parlamento de la elektrotekniko. La tasko de IEC estas zorgi pri la internacia normigo de la elektroteknikaj nocioj, terminoj kaj objektoj.

Por ĉiu temo, kiun IEC prilaboras, ekzistas aparta studa komitato, en kiu ĉiu nacio estas reprezentita. Sume estas ĉ. 20 studaj komitatoj. La studa komitato 1 pritraktas la Nomenklaturon; ĝia subkomitato 1-a pretigas oficialan internacian vortaron de la elektrotekniko.

*IEC-vortaro.* Post tridekjara laborado nun la IEC-vortaro fariĝis preskaŭ preta por publikigo. La vortaro estas aranĝita ne laŭ la alfabeto, sed laŭ la parenceco de la nocioj. Ĝi enhavas 14 ĉapitrojn. La unua ĉapitro enhavas la fundamentajn (teoriajn) nociojn de la elektrotekniko; la dua ĉapitro pritraktas la elektrajn maŝinojn, la tria — la konektilojn, ktp.

Por ĉiu nocio difinoj kaj terminoj estas donitaj en la oficialaj lingvoj de IEC (angla kaj franca), krome terminoj en la lingvoj germana, itala, hispana kaj — esperanta. La vortaro enhavas 2000 nociojn kaj ampleksos 500 presitajn paĝojn. La IEC-vortaro estas scienca unikaĵo, ĉar okazas por la unua fojo, ke en iu scienca fako la ĉefaj aŭtoritatoj de ĉiuj landoj seriozege kunlaboris, por krei internacian vortaron.

*Ĵusa Kongreso.* La diversaj internaciaj studaj komitatoj de IEC kunsidas kelkfoje en ĉiu jaro. Kontraŭe, la Plenkunvenoj (kongresoj de la tuta IEC) okazas nur malofte. La lasta okazis en la jaro 1930 en Stokholmo. La ĵusa kongreso okazis en Hago: (Scheveningen) kaj Bruselo, de la 18 ĝis 29 junio. Ĉeestis ĉ. 500 delegitoj, kiuj prezentis 20 naciajn komitatojn; privatuloj ne rajtas partopreni.

*Antaŭ-historio de la akcepto de Esperanto.* En 1932 en Parizo okazis la Internacia Kongreso de Elektro. En ĝia dua sekcio (mezuroj) S-ro Wüster[1] donis raporton pri « internacia lingvonormigo » en la elektrotekniko. En la diskuto kelkaj eminentaj elektristoj Cotton[1], Jouaust, Pohl kaj aliaj) varme pledis por Esperanto; kelkaj ĉeestantoj eĉ parolis en Esperanto. Tio impresis la kunvenon tiom multe, ke la prezidanto ŝarĝis sin, proponi al IEC, ke ĝi enkonduku Esperanton en la IEC-vortaron. Ne kiel trian oficialan lingvon, kompreneble, sed inter la lingvoj duagradaj.

En 1933 ĉ. 30 eminentaj elektristoj el la landoj Aŭstrio, Francujo, Germanujo, Hispanujo kaj Holando skribis komunan leteron al IEC, en kiu ili varme subtenis la diritan proponon. Du organizantoj de la oficialaj nomenklaturaj laboroj de la Sovetunio (Drezen kaj Lotte) samsence skribis al IEC.

La akcepton de Esperanto la studa komitato 1-a diskutis en preskaŭ ĉiu kunven-periodo (januaro 1933, junio 1934, januaro 1935). En januaro 1933 la propono estis akceptata malfavore; la prezidanto de la komitato 1-a deklaris, ke la prezidanto de IEC (Enström, svedo) kaj la ĉefsekretario de IEC (Le Maistre, brito) estas kontraŭ Esperanto. Oni decidis, transdoni la aferon por diskuto al la venonta Plenkunveno. En junio 1934 la komitato 1-a decidis, aldoni al la unua ĉapitro de la vortaro — prove presota por la Plenkunveno — suplementon kun la esperantaj termin-ekvivalentoj. En januaro 1935 la komitato 1-a decidis, enpresi la esperantajn terminojn en la vortaran specimenon mem, t.e. samrange kun la terminoj germana, itala kaj hispana. Sed nur prove, sen rekomendo; la decidon faru la Plenkunveno.

Do, de kunsido al kunsido la sinteno de la komitato rilate al Esperanto fariĝis pli pozitiva. Tio esta ŝuldata unue al la fakto, ke kelkaj delegitoj ne laciĝis prezenti dum la diskutoj de la komitato la argumentojn por Esperanto; precipe la delegitoj de Francujo (Brylinski, Janet, Jouaust) kaj de Nederlando (van de Well) meritas dankon. Dua akcelo venis de tio, ke en la lastaj jaroj — sekve de la diskutoj dum la pariza kongreso — Esperanto parte trovis eniron en la oficialan elektroteknikon: La plej disvastigitaj elektroteknikaj revuoj en Francujo kaj Japanujo komencis presi en ĉiu numero esperantajn tekstojn; en Sovetunio la normotabeloj elektroteknikaj ricevis subtitolojn en Esperanto; la Internacia Ligo de la normigaj asocioj (ISA) komencis prilabori teknikan kodon sur bazo de Esperanto.

*Parolado Ĉe.* Kiel dirite, en januaro 1935 la komitato 1-a decidis lasi la tutan respondecon pri la akcepto de Esperanto al la Ĉefkunveno, okazonta en junio 1935. Por prepari la ĵusan diskuton pri Esperanto, S-ro Isbrücker interkonsentis kun la urbestro de Hago — lerninto de S-ro Ĉe — kaj kun la prezidanto de la Nederlanda Elektroteknika Komitato (Feldmann) specialan aranĝon: Ĉe te-akcepto, kiun en la posttagmezo de la 18a la urbestraro de Hago donis al la delegitoj, S-ro Ĉe faris alparolon ĉirkaŭe dekminutan en Esperanto. (Krome okazis nur franclingva alparolo de la urbestro mem). Tiun esperantan alparolon la ĉeestantoj kelkfoje interrompis per aplaŭdoj; signo, ke ili komprenis, kvankam ne lerninte Esperanton. Krome multaj partopre-

[1] Ĉiuj titoloj de ĉiuj personoj estas ellasitaj en ĉi tiu raporto. Ĉiu membro de IEC havas unu aŭ plurajn titolojn kiel «inĝeniero», «doktoro», «profesoro», «direktoro».

nantoj de la tekunveno havis okazon aŭdi esperantan konversacion privatan, ĉar inter la delegitoj kelkaj sciis Esperanton : Thierens (Nederlando, lerninto de Ĉe), Hallo (Nederlando, lerninto de Ĉe), van de Well (Nederlando, lerninto de Ĉe) kaj lia filino, Jouaust (Francujo), Wüster (Aŭstrio); gaste ĉeestis ankaŭ gesinjoroj Isbrücker.

*Subkomitato 1-a.* Oni povas diri, ke la esperanta aranĝo ĉe la te-kunveno decide influis la diskuton de la komitato 1-a pri Esperanto, kiu okazis la sekvintan matenon (19.6.). La subkomitato decidis, nun sub propra respondeco proponi al la komitato 1, ke Esperanto estu akceptata inter la duagradajn lingvojn de la vortaro. Estis 10 voĉoj por, 2 kontraŭ kaj 2 detenoj. Jen la distribuo de la voĉoj.

*Por Esperanto:* Germanujo (Wallot); Aŭstrio (Wüster); Usono (Kennelly); Francujo (Brylinski); Nederlando (van de Well); Italujo (Lombardi, prezidanto); Norvegujo (Jacobsen); Rumanujo (Budeanu?); Sovetunio (Mitkeviĉ) Svedujo (Norberg).

*Kontraŭ Esperanto:* Britujo (Marchant); Polujo (Drewnowski).

*Deteno:* Svislando (Baenninger); Ĉeĥoslovakio (J. Nemec).

La svisa delegito deklaris dum la diskuto, ke li persone voĉdonus por Esperanto, sed ke lia nacia komitato donis al li malan instrukcion. Similan deklaron la delegito ĉeĥoslovaka donis private kaj spontanee al alia delegito. Dum Britujo voĉdonis kontraŭ Esperanto, la alia anglalingva ŝtato — Usono — voĉdonis por ĝi. La brito motivis sian rifuzon per tio, ke Esperanto havas nek literaturon elektroteknikan, nek nacion.

*Komitato 1.* En la antaŭtagmezo de la 21a okazis kunsido de la plena komitato 1. Ĝi aprobis la rezolucion de la subkomitato 1a kaj decidis rekomendi ĝian akcepton al la Aga Komitato de IEC. Ĉeestis la ĉefsekretario de IEC, la brito Le Maistre, kontraŭulo de Esperanto. Li klopodis atingi, ke oni repasigu la aferon al la naciaj komitatoj, ĉar nur kelkaj naciaj komitatoj estis esplorintaj la aferon dum speciala kunsido; sed li ne sukcesis.

*Aga Komitato.* La Aga Komitato konsistas nur el deko da personoj. En la vespero de la 21 junio ĝi decidis, transdoni la resolucion pri Esperanto al la Ĉefkunveno.

*Ĉefkunveno.* La ĉefkunveno okazis en Bruselo, la 27 junio. Ĝi definitive konfirmis la akcepton de Esperanto.

« *Nacia* » *Komitato de Esperanto.* La prezidanto de la komitato 1-a invitis la konstantan delegiton de Aŭstrio (Wüster) reprezenti en la komitato 1-a krom la germana lingvo ankaŭ Esperanton kaj kunigi el IEC-membroj subkomitaton por la esperantaj terminoj. La membroj de tiu subkomitato havus la taskon, konsiliĝi kun siaj naciaj komitatoj kaj kun la esperantistoj de sia lando pri la esperantaj terminoj akceptotaj en la vortaron de IEC. Ĝis nun la jenaj IEC-membroj eniris la esperantan subkomitaton : Chatelain (ĉefdelegito de Sovet-Unio), Jouaust (Francujo), van de Well (Nederlando), Wüster (por Aŭstrio kaj verŝajne ankaŭ por Germanujo).

La esperantaj terminoj jam estas pretaj por 13 el la 14 grupoj de la vortaro. La esperanta subkomitato do bezonos nur revizii ilin.

*Konkludo.* La diskutoj pri Esperanto alportis ne nur oficialan rekonon fare de granda scienca kaj industria aŭtoritato, sed ankaŭ la sinceran interesiĝon de multaj tre influaj kaj tre energiaj personoj. Tiu sukceso estas rezultajo de koncentriĝo kaj de sistema procedado : Dum kelkaj jaroj pluraj esperantistoj koncentris sian laborpovon sole al la kampo elektrista, pacience informante la plej influajn fakanojn pri Esperanto.

Necesas apliki tiun metodon de koncentro ankaŭ en estonteco, por plene ekspluati la nunan sukceson. Necesas do plue informi kaj, se eble, instrui la elektristojn — precipe la membrojn de IEC (unue la junajn membrojn de la komitato 1a) — pri Esperanto, por ke iam la konferencoj de IEC povu okazi parte en Esperanto. Necesas plue atingi, ke aliaj landoj sekvu la ekzemplon de la Sovetunio, surpresi esperantajn subtitolojn sur siaj elektroteknikaj normotabeloj; aŭ la ekzemplon de Francujo kaj Japanujo, donante esperantajn resumojn aŭ subtitolojn en la elektristaj revuoj.

Se Esperanto definitive venkos en la elektrotekniko, penetrante ĝian tutan praktikon, tiam la ceteraj sciencoj kaj industrioj nepre sekvos.

A. Schw.

---

# La dronita dometo

De Miĥaelo Soŝĉenko.

Mi iris iam tra antaŭurbo de Leningrad. Jen staras subite ia malgranda dometo.

Tegmento kaj du etaĝoj. Kaj supre sur ĝi malgranda kamentubo. Tio estas ĉio.

Entute tre malgranda dometo. Se oni grimpas sur la ŝultrojn de la domadministranto, oni povas tuŝi la duan etaĝon per la mano.

Mi tute ne estas rimarkinta tiun dometon, sed iu kanajlo verŝis el la dua etaĝo ian malpuraĵon kaj nepre sur min.

Mi ĵus volis min esprimi iomete pli maldelikate, levis la kapon — neniu tie.

« Kaŝita » — mi pensas — « tiu fripono ».

Mi komencis per la okuloj serĉi laŭlonge de la domo, jen mi vidas ĉe la dua etaĝo tabuleton alnajlita. Kaj sur la tabuleto la surskribon : « Akvonivelo de la 23-a de Septembro 1924. »

« Halo » — mi pensas — « efektive alta estis la akvo ĉi tie dum la superakviĝo. « Kaj kien, mi pensas, eble rifuĝis la malfeliĉaj loĝantaj, kiam la akvo ja estis rimarkita jam en la plej supra etaĝo ? Vere ne alie povis okazi », mi pensas, « ili certe sin savis sur la tegmenton... »

Jen aperis al mi kelkaj teruraj bildoj. Kiel la akvo superakvigis la unuan etaĝon kaj ekproksimiĝis al la dua. Kaj kiel la loĝantoj, certe, forlasis ĉiujn siajn havaĵojn kaj malesperante suprenrampis sur la tegmenton. Tie supre ili sin ligis per ŝnuregoj al la kamentubo, por ke turnvento ne faligu ilin en la abismon.

Kaj nun mi tiel kompatis la loĝantojn pro ilia pasinta mizero, ke mi tute forgesis mian propran malagrablaĵon.

Subite malfermiĝas la fenestro kaj iu malnobla maljunulino aŭdigas sian voĉon.

« Kial vi staras tie, kion vi volas », diras ŝi, « mia kara ? Ĉu vi eble estas fajro-asekura agento aŭ kriminalisto ? »

« Ne », mi diras, « panjeto, nek — nek, mi nur rigardas kaj estas konsternita pro la akvonivelo. La akvo, mi diras, certe estis diable alta. Vin, panjeto, mi diras, oni verŝajne alligis tie al la kamentubo, ĉu ne ? »

Sed la maljunulino min alrigardas furioze kaj rapide fermas la fenestron.

Kaj subite iu vastkorpa viro venas el la pordega enirejo kaj demandas ekscitite :

« Kion vi deziras ĉi tie, civitano ? »

Mi diras : « Kion vi volas de mi, kial vi ne lasas min en paco ? Ĉu nun jam ne estas permesata alrigardi domon ? Mi alrigardas tie la akvonivelon. Iomete alta. »

Sed la viro ridetas kaj diras :

« Ne », diras li, « tio ja nur estas tiel. En nia urbparto », diras li, « estas tiel multaj bruemuloj. Tiuj ĉiam deŝiris la ĝustan akvonivelon. Tial mi fiksis ĝin iomete pli alten. Nun, dank' al Dio, neniu plu tuŝas ĝin. Por ili estas tro alte. Sed rilate la akvon, tio ne estis tiel terura — ĝi eĉ ne atingis la genuon. Koko povis trapaŝi je malprofundaj lokoj. »

Sed nun mi vere sentis min iomete ofendita pro la akvonivelo.

« Vi pendigu la akvonivelon ankoraŭ iomete pli alten, eble al la kamentubo », mi diris.

Sed li diris :

« Se la bruemuloj malsuprenprenos la akvonivelon de tie, tiam ni ankaŭ pendigos ĝin ankoraŭ ĉe la kamentubo — tre simple. »

« Nu tiam vin kaptu la diablo », mi diras. « Dronaĉu pro mi. »

Trad. WERNER SIMON, Berlino.

# La torturo

Unu tagon la juĝisto Ooka aranĝis grandan festenon en sia hejmo, kiu troviĝis en la juĝejo mem.

Laŭta gajeco regis en la salono, ridado aŭdiĝis, kaj ŝercaj vortoj trasvarmis la aeron.

Jen, du servistoj alportis belegan porcelanan pladon kovritan per multkolora silkeca papero. Plej scivolaj rigardoj, de ĉiuj gastoj direktiĝis al la mistera plado, kaj silento ekregis subite. Tamen — unu momenton poste ekkrioj pro surprizo rompis la silenton de atendego, kiam la servistoj forigis la multkoloran paperan kovrilon kaj centoj da belegaj oranĝoj vidiĝis.

« Bonvolu preni, amikoj ! » gaje vokis Sinjoro Ooka. « Estas ĝuste tricent, mi ne povis havigi pli. Ni estas cent personoj, do — ĉiu el ni ricevos tri. »

Kaj la servistoj rapidis meti antaŭ ĉiun gaston tri el la orflavaj fruktoj.

Subite embaraso sentiĝis, la servistoj rigardis konsternite unu la alian, kelkaj gastoj ridetis, oni flustris, oni klinis la kapon al la orelo de la najbaro. Sinjoro Ooka interrompis la konversacion kun sia najbaro kaj levis la rigardon.

La servistoj alproksimiĝis konfuzitaj : « Ŝajnas, ke eraro okazis — mankas kelkaj el la oranĝoj — ne estas tricent... »

Sinjoro Ooka rigardis ĉagrenite al la plado : ĝi estis malplena, kaj tamen tri personoj, inter kiuj ankaŭ li, ankoraŭ ne havis fruktojn, kvankam la aliaj sinjoroj ne ricevis pli ol tri. « Kio estas tio », kolere kriis la juĝisto. « Venigu Tamezon ! »

La servisto aperis.

« Kiom da oranĝoj vi aĉetis ? »

« Tricent, sinjora moŝto », estis la respondo.

« Sed kiel estas eble, ke mankas tri. Rigardu mem : ni estas ĉi-tie cent personoj, kaj nur naŭdeksep ricevis ĉiu tri oranĝojn... Ne, Sinjoroj », li vokis al tiuj gastoj, kiuj intencis fordoni kelkajn oranĝojn al la nericevintoj. « Ne, mi volas vidi, kiu kuraĝas ŝteli en mia propra domo. La valoro de la ŝtelitaĵo ne estas menciinda ci-tie : mi ne volas havi ŝteliston en mia domo ! » Tamezo intertempe kontrole kalkulis — mankis naŭ fruktoj.

« Ankoraŭ unufoje mi demandas vin », Sinjoro Ooka turniĝis al la konfuzitulo. « Kiom da fruktoj vi aĉetis ? »

« Tricent, Sinjora moŝto. »

« Cu eble dumvoje vi perdis kelkajn ? »

« Ne, certe ne. Mi portis ĉiujn hejmen ; antaŭ unu horo, kiam mi metis la oranĝojn sur la pladon, estis ankoraŭ tricent. Mi kontrolis. »

« Vi kuraĝas, mensogi al mi ? »

« La juĝisto eksaltis de sia kuseno, liaj okuloj rigardis kolere.

« Ĉu ne vi mem ĵus sendigis la pladon ? Respondu ? »

Tamezo silente rigardis teren. « Mi paroligos vin », daŭrigis Sinjoro Ooka, kaj « katenu lin kaj transdonu lin al la torturistoj ! » li ordonis al siaj servistoj.

La gastoj eksaltis, ili petis, petegis la gastiganton, ke li ne taksu tro grava tian bagatelon, vane ! Sinjoro Ooka obstine daŭrigis :

« Ne temas pri la valoro de la fruktoj, sed pri tio, ke ŝtelisto troviĝas en mia domo. Mi ne volas, ke oni diru : Ooka volas senigi la urbon Yedo de ŝtelistoj, sed en sia propra domo li ne scias juĝdecidi. »

Oni kondukis la malfeliĉulon al la ĉambro en la juĝejo, kie kruelaj iloj staris pretaj por eligi la veron el la torture demanditoj.

La unuan gradon de la torturo Tamezo kuraĝe eltenis, sed dum la suferoj de la dua grado li konfesis sian pekon, konfesis, ke li ŝtelis naŭ oranĝojn kaj vendis ilin.

Oni sendis la sciigon pri la konfeso al la halo, kie Sinjoro Ooka kaj liaj gastoj atendis la rezulton, ĉiam ankoraŭ en peza silentado, la plej multaj el la gastoj interne indigniĝintaj pri la neceđemo de la mastro kaj certe ankaŭ ĉagrenitaj pro la interrompo de la gaja festeno.

« Venigu la viron », ordonis Sinjoro Ooka.

La katenita servisto venis.

« Mi aŭdis, ke vi fine konfesis. Ripetu vian konfeson antaŭ miaj gastoj ! Ĉu vi ŝtelis la oranĝojn ? »

« Jes. »

« Kiam ? »

« Tuj antaŭ la alveno de la invititaj sinjoroj. »

« Kiom vi prenis ? »

« Naŭ oranĝojn ».

« Kion vi faris per ili ? »

« Mi vendis ilin. »

Por kia prezo ?

Por du « bu'oj ».

« Ĉu vere ? Ĉu vi diras la veron ? »

« Estas tiel, kiel mi diras, Sinjora moŝto. »

« Severa puno vin atendas ; ĉu vi diras la veron ? »

« Sinjoro, estas la vero ! »

« Ĉu estas eble ! ? » ekkriis la juĝisto, kaj profunda emocio ekkaptis lin. « Ĉu estas eble ? » Kaj rapide ŝovante la manojn en la manikojn de sia kimono, li diris : « Ĉi-tie, amikoj miaj, estas la mankantaj fruktoj », kaj naŭ belegajn oranĝojn Sinjoro Ooka eligis el sia vestaĵo. Ĉiuj eksaltis, konsternitaj pro mirego.

« Min aŭskultu, amikoj miaj ! Mi mem forigis la oranĝojn tuj antaŭ via alveno — Tamezo estas senkulpa ! » Neniu

sono interrompis la profundan silenton, sed cent rigardoj atendege direktiĝis al la lipoj de la juĝisto.

« Tamezo estas senkulpa — kaj tamen konfesis ! Sian reputacion, sian ĉiutagan panon, sian honoron li riskis, la feliĉon de sia familio li ne atentis, al severa mallibereja puno li elmetiĝis — kaj — konfesis krimon, kiun li neniam faris. Kial ? — Por eviti la suferegojn de la torturo ! Amikoj, ĉu li estas la ununura, kiu agas tiel ? Ĉu fakte estis la vero, la pura vero, kiun malkaŝis en miloj da okazoj tiuj teruraj iloj ? Ĉu la punoj, kiujn ni verdiktis laŭ tiaj konfesoj ĉiam estis justaj ? »

Neniu respondis la juĝiston ; profunde emociitaj, la gastoj rigardis teren.

« Tamezo, vi fidele servis al mi dum dekdu jaroj. De nun vi ne servu plu al mi, sed vivu senzorge ĝis via vivfino per la sumo, kiun mi fiksis kiel donacon por vi. — Kaj, karaj amikoj, kiel via estro mi proklamas al vi, ke, tiom longe kiom mi estas ĉefjuĝisto en Yedo, la torturo estas forigita. Se tiamaniere mi evitigas al centoj da miaj kunhomoj severajn nejustajn turmentojn, tiam mia maljuna servisto ne vane suferis... »

*El germana lingvo tradukita de*
Elizabeth BÜNEMANN,
Hamburgo.

---

# La popola kanto

Kiu el ni ne estas kortuŝita, aŭdante la melodiojn simplajn, sed kiom valorajn, de la kantema popolo ? Kiu jam ne vibris je tiuj kantoj, kiuj fidele esprimas ĝian vivon kaj sentadon ?

Estas grava erero, trakti la popolan kanton kiel ion banalan aŭ senvaloran. Tiom muzike, kiom psikologie, ĝi posedas altajn kvalitojn.

Unue, kio estas muziko kaj kion ĝi celas ?

Muziko estas la arto produkti kaj kombini sonojn. Oni povas ordigi tiujn sonojn « melodie », t.e. sekvigi ilin unu post alia, kiel literoj, por formi frazon, aŭ « harmonie », t.e. aŭdigi ilin kune en agordoj — en ambaŭ kazoj variante ilian altecon kaj daŭron.

Per tiuj teknikaj rimedoj, muziko kondukas al la jena celo : ĉarmi la orelon per belaj sonoj, interesi la spiriton per lerteco de la melodiaj kaj harmoniaj kombinaĵoj, fine emocii la koron per la esprimo de noblaj, indaj sentoj.

Al tiu lasta, grava celo tute konformiĝas la popola kanto. Per simpla aranĝo de melodiaj sonoj — ofte ankaŭ harmoniaj — ĝi sukcesas tuŝi la koron profunde. Ni ne forgesu, ke la homa koro estas pli emociata per simplaj, sed klaraj sentoj, ol per komplikaj, ofte konfuzaj. La sentoj pri naturo, pri amo, pri vivo, ĉu bela ĉu maljusta, estas la kutimaj temoj de la popola kanto. Bele, bonguste esprimitaj — ĉar finfine en ĉio arta ĉefas la bongusto — ili rekte parolas al la animo.

Psikologie, la popola kanto estas tiom interesa, kiom muzike, se ne pli. Muziko kaj vortoj tipe montras la apartan karakteron, la anim-staton de ĉiuj popoloj. La nordaj kantoj estas noble solenaj, kun emo al melankolio. Ju pli ni iras suden, despli ili perdas romantikecon, despli ili iĝas viglaj, flamaj, sunaj. Aliflanke, de Okcidento al Oriento, ni povas observi la jenon : Okcidento posedas graciajn, gajajn kantojn, kiuj en Mez-Eŭropo iĝas vivoplenaj pasiaj, ĝis la oriento, kie ili miksiĝas al malgajo. Krom tiuj diferencoj la kantoj estas diversaj pro la historio mem de la landoj ; popoloj suferintaj : kantoj profundaj ; popoloj pacemaj : kantoj trankvilaj, k.t.p.

Por precizigi ĉi-tiujn ĝeneralajn observojn, ni prenu la ekzemplon de kelkaj tipaj landoj.

La germana popol-kanto posedas kvalitojn speciale interesajn. Malgraŭ ĝia ioma diverseco en la formo, laŭ la regionoj kaj temoj, la bazaj trajtoj estas la samaj : melodioj netaj, esprim-plenaj, romantikemaj, kun harmoniiĝo riĉa, plene muzikeca. Rimarkinde estas, ke la kantoj plejparte havas maĵoran tonon, kio ĝuste donas al ili tiun sonon lojalan, sinceran. Aldonante, ke la germana popolo estas tre kantema kaj bone instruita muzike — jam en la unuagradaj lernejoj —, oni povas facile kompreni, ke la kanto havas en Germanujo grandan lokon kaj valoron.

Tute alia estas — forme kaj funde — la franca popolkanto. Kiel la popolo mem, ĝi spiras bonhumoran atmosferon. Karakterizas ĝin nek eksterordinara muzika valoro, nek profundega sento. Ĝi havas tute aliajn ecojn, tiujn de simpla gracio, de vera plaĉo. La franca kanto estas « ĉarma » en la pura senco. Pri tiaj freŝaj kvalitoj oni neniam laciĝas.

Apartan stilon kaj koloron havas la hungara kanto. En ĝi, muziko kaj sento eksteriĝas plen-libere. Klasikecon ĝi ne konas, nek bridon. Mirinda fantazio, jen ĝia regulo, vivanteco, jen ĝia ritmo. Riĉa en kontrastoj — malgajaĝojega —, abunde kolorigita je brilo, ĝi varmigas, ĝi kaptas sentojn kaj sentimenton. Kanto pasia, kanto libere vagabonda.

Kontraste — ankoraŭ — impresas la slava, plej konata per la rusa popol-kanto. Muzike, ĝi estas komponita simple, sed en frazoj melodiaj, belformaj. Plejparte ĝi sonas minortone kaj pro tio ĉiam enhavas ion malgajan, nostalgian, eĉ en la plej gajaj temoj : Naturo, stepo, neĝo, kampoj, vivo, amo, sufero, ĉiuj tiuj sentimentoj, kantataj per la belegaj voĉoj de la landanoj, profunde emocias, plenigas, nobligas la koron.

Neniel celante al pretendema komparo kun la grandaj supraj landoj, mi ankoraŭ deziras ion diri pri la svisa popolkanto, ne multe konata eksterlande. Ĝi havas influojn ĝermanan kaj latinan pro la durasa deveno de sia popolo kaj sekve ne posedas specialan tipon, krom tiu, sufiĉe karakteriza, de la montoj. La kantoj plej ofte temas pri ilia beleco kaj trafe esprimas ilian sovaĝan ĉarmon. Ĝi estas pura, senpasia, sed oni sentas, ke en ĝi blovas laga brizo, neĝa vento, aŭ freŝa, monta atmosfero. La supremalsuprenirantaj muzikaj frazoj bone pentras la altecon de la neĝo-blankaj pintoj kaj la harmoniiĝo solida, raciplena, ilian fortikan bazon.

Ĉi tiuj impresoj — kvankam ne kompletaj — montras tamen, kiom la popola kanto fidele respegulas la karakterojn de la diversaj landoj.

Popolaj kantoj ĉiulandaj ! En vi sentiĝas la tuta poezieco de la homoj, en vi vibras ilia sincera animo. Kiom ni amas, kiom ni bezonas vin, ho belaj kantoj popolaj !

Estus ja dezirinde, ke niaj Esp. poetoj konigu al la esperantistaro tutmonda — per tradukoj — multajn sialandajn kantojn kaj tiamaniere pliriĉigu samtempe nian Esperantan literaturon.

**Mad. Mevo.**

# La Problemo de Tutmonda Armado

VII.

## PARABOLO DE ELSPEZOJ EN LA MONDARMADO

Se ni pritraktas la mondarmadon en ciferoj, ni ricevas tiajn, ke ni en nia kapo nur malfacile povas ilin imagi. Miliardo ! Kiom estas tio ? Kian energion ĝi prezentas ? Dum la lasta tempo la homaro jam alkutimiĝis aŭdi grandnombrajn ciferojn, ne pripensante por ilin klare kompreni. Tio estas antaŭ ĉio tute natura. Multaj fortoj ja estas interesitaj je tio, ke la popoloj ne komprenu la tutan signifon de por-militaj elspezoj.

Du miliardoj da oraj frankoj por tankoj lastatempe ? ! Tio tamen ne estas tiel multe kompare — ni diru — kun la budĝetoj de ŝtatoj. Ĝi estas : Per tiuj du miliardoj oni povus konstrui 26.000 km da unuranga strato. Jen : 3950 milionojn da oraj dolaroj jare da oficialaj elspezoj por militcelo... Per tiu mono oni povus konstrui *unuarangan ŝoseon ĉirkaŭantan 7-foje la ekvatoron. Ĝuste per tiu mono oni povus ankaŭ starigi jare pli ol 3 milionojn da unufamiliaj loĝ-domoj* ; kaj, ĉar la elspezoj estas faritaj jam de post 10 jaroj, *oni povus starigi por la tuta epoko jam 30 milionojn da tiaj domoj* ! Sekve por ĉiu hodiaŭa senlabora terano — po unu domo !!!

Unu sola moderna tanko prezentas hodiaŭ la valoron de 200-jara salajro de laborista familio aŭ la zorgadon pri 200 familioj jare ; unu sola submarŝipo prezentas la salajron de laborista familio por 5000 jaroj, aŭ la zorgadon pri 500 familioj dum 10 jaroj. Aŭ, anstataŭ 1 submarŝipo oni povus konstrui 1200 unuloĝejajn domojn !

La tuta tragiko de armado ne montriĝas en ciferoj, montrantaj la altecon de monaj elspezoj, sed en tio, kiam ni paraleligas ĝin kun la homo kaj lia vivo. Tio, ke la moderna tanko kostas tiom kaj tiom da tiu aŭ alia monoj, ankoraŭ nenion diras al ni. Klara fariĝas la elspezo tiam, kiam ni paraleligas mallonge daŭrantan kaj fieran vivon de tiu armilo kun la mizera vivo de la homo. *Tiu monstro presentas nome la laboron de 200 homoj, laboron, kiu estas krom tio tuta sensenca kaj neproduktiga. Post 10 jaroj tiu armilo taŭgos nur por forĵeti.* Tiam oni devos denove jugi en tiun laboron 200 aŭ eble pli da homoj, kiuj *dum unu jaro — konstruos novan mortigan konstruaĵon, eble ĝuste por kondamni* sin mem...

Sendube hodiaŭ ĉiu konscias pri terureco de tiu ĉi agado. Se la popoloj malgraŭ tio ne ekmoviĝas, tio signifas, ke ili estas aŭ blindigitaj, aŭ ke ili jam fariĝis sklavoj de mortiga armilaro. *Sendube ili jam fariĝis grandnombre ĝiaj sklavoj, ĉar la mortiga armilaro ja portas brilantan, allongan titolon :* « Sekureco »... certe por tiuj, kiuj konstruis ĝin.

Ni rigardu ankoraŭ la armadon en aero. Moderna bombarda aviadilo prezentas hodiaŭ la salajron de laboristo por 180 jaroj aŭ la zorgadon per 18 familioj dum 10 jaroj. *Tia bombarda aviadilo de pli malpeza tipo enhavas ne malpli of 50 unufamiliajn dometojn, tio estas 50 por la tuta vivo per loĝejo prizorgitaj familioj* ; *per unu sama pafaĵo oni povus nutradi 1 familion du 17 jaroj* !

Sed ankaŭ pli malgrandaj pafaĵoj ne estas multe pli malkaraj ; ĉio, kio estas destinata por la nuligado de ekonomiaj bonaĵoj kaj de la homaj vivoj, estas multekosta. Ŝajnas, kvazaŭ la homo mem penadas pri sia pereo laŭ plej rafinita maniero. Kelkiu estus feliĉa hodiaŭ, se li ricevus nur la kontraŭvaloron de *unu peza haŭbizo. Tio signifus por li la prizorgon de li kaj de lia familio dum 4 jaroj.* Kaj tion povus doni la haŭbizo de *malnova strukturo* ! *La moderna kanono 32 centimetra estas ankoraŭ pli potenca* ; *ĝi forprenis la vivprizorgon al la familio por 20 jaroj.*

El la tuto ni povas ĉerpi la instruon, ke ĉiu tiu grandega monsumo, destinita por armado, estas investata en materialon. Ĉiu senkulpigado, ke ankaŭ la armado donas al multaj okupon, estas iluzia. Estas eble, ke ĝi vere prezentas laboron al multaj mil homoj. Sed kie estas aliaj milionoj da homoj, lasitaj al la malrapida mortado pro manko de l'plej necesaj vivbezonoj ? Ilia animstato estas en plena dekadenco.

Ne per la mono, kiun la mondo oficiale konsumas por la malracia armiĝado, sed jam sufiĉe per tiu, kiu kaŝiĝas sub diversaj ĉapitroj de la ŝtataj budĝetoj, oni povus krei en la mondo pli favorajn vivkondiĉojn. Tiuj kaŝitaj elspezoj por armado faras, modeste kalkulite, minimume 8 milionojn da laborfortoj, aŭ ili povus okupigi 8 milionojn da homoj dum la tuta jaro kaj de jaro al jaro. Nur la kaŝitaj spezoj ! La oficialaj ja estas konataj. *Se ni ilin alkalkulas al la supre citita, ni ricevas la elspezon, kiu sufiĉus por la konstanta okupo de ĉirkaŭ 30 milionoj da homoj kune kun iliaj familioj. Se tiu malracia lukso ĉesus, hodiaŭ nek unu laboristo estus senokupa* ; *ĉar la tuta laboro, kiun oni plenumus, estus produktiga kaj la komuna ekonomia vivo leviĝus.* Alivorte dirita — la mondo ekposedus ekonomiajn bonaĵojn de minimume 4 miliardoj da oraj dolaroj, po jaro aŭ dum la lastaj 10 jaroj por 40 miliardoj da oraj dolaroj. *Nur la rentumado de tiuj ekonomiaj bonaĵoj prezentas la prizorgon de 8 milionoj da laboristaj familioj, ne klonsiderante la iniciateblecojn, kiuj, kiel jam menciite, nekredeble kreskus.* Oni produktadus bonaĵojn de daŭra valoro kompare al la mortiga armilaro, kies sorto estas malbenita kaj senĉese eksponita al diversaj ŝanĝoj kaj kompletigoj.

Pro tio ni ne devas miri, ke la impostigo de ĉiuj popoloj tiel terure kreskas. Samtempe, paralele, montriĝas ankoraŭ la komuna malriĉiĝado, kiu ampleksas lastatempe jam ekscitindajn dimensiojn. La tuto — evidente — pelas la popolojn al nova milito, kiu estas laŭ opinio de kelkaj, eĉ de eminentaj personoj, ia ventolilo en la vivo de popoloj. Eble tia opinio estas ie rajtigita por ŝtatoj, sed por la popoloj nenie sur la mondo. *Militon, por kiu ĉiu samtempano elportas tiel pezajn oferojn — en la formo de altaj publikaj impostoj, en la formo de limigita okupo aŭ eĉ de senlaboreco — la popoloj ne volas. Nenie la popoloj estas imperialismaj el si mem.* Imperialismon al ili imputas aliaj, kiuj ilin pro siaj egoismaj celoj ne lasas vivi.

*Ankoraŭ kelkajn jarojn de tiel freneza armiĝado kiel ĝis nun, kaj ni ĉiuj, riĉaj kaj malriĉaj devos plene perei. Tion ja ĉiu homo devas antaŭvidi.* Ne estas sur la mondo ŝtato, kiu povus elteni tian tempon konstante, malgraŭ, ke ĝi estas ankoraŭ tiel riĉa. Kaj kio okazos poste ?...

J. K. Belltyn.

# Aktualajoj pri Esperanto

## Dekreto kontraŭ la instruado de Esperanto en germanaj lernejoj — Esperanto ne malpermesita en Germanlando

Ni reproduktas en traduko la tekston el « Germana Scienco, Eduko kaj Popola Klerigo » oficiala organo de la Regna kaj Prusa Ministerio por Scienco, Eduko kaj Popola Klerigo de l'5 junio 1935, Kajero 11, oficiala parto, pĝ. 228.

« *N° 283 Esperanto-Lingvo.* La zorgo pri arte kreitaj mond-helplingvoj kiel Esperanto ne havas lokon en la nacisocialista ŝtato. Ĝia uzo kaŭzas malfortigadon de esencaj valorajoj de popola karaktereco. Tial estas nekonsiderota ĉia akcelo de instruo pri tiaj lingvoj. Instruejoj ne estas disponigotaj por tiu ĉi celo »

La Regna kaj Prusa Ministro
por Scienco, Eduko kaj Popola Klerigo
Kiel anstataŭanto :
subskr. : KUNISCH.

Al la Instru-Administroj
de la landoj

La agema gvidanto de la Germana Esperanto-Asocio, S-ro Inĝ. Kurt Walther, Dresdeno, direktis 55 paĝan memorandumon al la ministro por atingi ŝtatan akcelon kaj helpon al la Esperanto-Movado.

Per aparta letero li eksplicite demandis, ĉu la dekreto (tie ĉi represita) signifas malpermeson de Esperanto en Germanujo entute. La sekvanta respondo estis donita :

La Regna & Prusa Ministerio de l'Interno — Berlin N.W., 3 junio 1935 Königsplatz.

N° VI B 8735-4370

Al la Gvidanto de GEA, *Dresdeno N. 23.*

Al la petícioj de 28.4. & 9.5.
N° 1627 M & N° 1735 II M

Pro principaj konsideroj mi ne povas plenumi la petojn, esprimitajn en la supre menciitaj skribajoj. La okupiĝo pri arte kreitaj mondlingvoj, kiel Esperanto, ne estos malpermesata de mi, sed ankaŭ ĝuos nenian ŝtatan akcelon.

Laŭ komisio :
subskr. : D-ro BUTTMANN.

Ni memorigas, ke ankaŭ en aliaj landoj aperis tiam kaj tiam egalaj dekretoj. Ni bezonas nur mencii la faman cirkuleron de l'Ministro Bérard en Francujo kaj la malpermeson, fakte ankoraŭ ne nuligitan, okaze de registara ŝanĝo en Bulgarujo. La Germana Esperanto-Asocio faras ĉion por regajni la antaŭan pozicion de nia lingvo kaj la eksterlandaj samideanoj certe subtenos ĝin en tio. Esperanto ne estas malpermesita en Germanujo, kiel la gazetaro erare kaj erarige disvastigis.

## Nova sukceso ĉe la hungara poŝto

Niaj legantoj aŭdos kun plezuro pri nova sukceso ĉe la hungara poŝto. Ĝi baziĝas sur la iniciato, kiun entreprenis la iama ICK. Nun, la Ĝenerala Direktoro de l'Reĝaj Poŝtoj de Hungarujo, G. Barono de Szalay plenumis promeson, skribe donitan al ni antaŭ sufiĉa tempo, pri aperigo de pliaj kartoj kun bildoj kaj Esperanto-teksto. Okaze de la nunjara internacia foiro de Budapesto, la poŝto eldonis novan serion de 15 kartoj po 10 fileroj kaj de 1 po 10 + 2 fileroj. La ĝenerala aspekto kaj la marko egalas al la unua serio. La koloro estas malhel-verda kaj pli impresa. La karto de 12 fileroj, kiun ni reproduktas tie ĉi, montras alian marko-desegnaĵon, krome vinjeton je 2 fileroj favore al la turismo de l'Balaton-lago. Kiel la eldono de 1932, la nova serio montras klarigon en hungara, franca kaj esperanta lingvoj.

La bildoj estas la sekvantaj : 1. Székesfehérvár, Placo Reĝo Karlo ; 2. Sopron, Placo de la Sankta Triunuo ; 3. Eszetergom, Katedralo ; 4. Edziĝfesto en Departemento Somogy ; 5. Szeged, Vota preĝejo kun la malnova turo ; 6. Ŝpinantinoj ; 7. Grenrikoltantoj ; 8. Sümeg, Palaco Episkopa ; 9. Budapesto, Monumento de Miljaroj kaj de Nekonata Soldato ; 10. Budapesto, Panoramo el la Ĝardeno de Reĝa Palaco ; 11. Budapesto, Banejo St. Gellert ; 12. Budapesto, Urba arbareto, Kastelo Vojdahunyad ; 13. Lago Balaton, Golfo de Tihany ; 14. Lago Balaton, ĉe Balatonlelle ; 15. Lago Balaton, Velŝipoj apud Balatonfüred ; 16. Lago Balaton, Velŝipoj apud Tihany.

Ni deziras esprimi ĉi tie nian sinceran gratulon al la ĝenerala direktoro de l'reĝaj poŝtoj de Hungarujo, S-ro G. Barono de Szalay pro lia larĝvida decido, daŭrigi la uzon de Esperanto por celoj de poŝta turisma varbado.




La esperantistoj plenumos dankesprimon, se ili diskonigos la fakton en ĉiuj landoj kaj per tio helpas al la intencita propaganda celo.

Ni invitas ĉiujn samideanojn, disvastigi informon pri tiu ĉi sukceso en la gazetaro laŭ malsupra teksto (laŭbezone modifata) kaj sendi al ni la pruv-ekzemplerojn.

Oni bonvolu atenti pri la sekvantaj detaloj

1) Sendu po 2 ekzempleroj de ĉiu publikigajo.

2) Por ŝpari afrankon, sendu nur la *plenan* titolkapon de la koncerna gazeto kaj la artikolon en 2 ekzempleroj.

3) Notu klare nomon kaj adreson de la sendinto sur la koverto. Por ĉiu publikigita noto ni sendos al la helpantoj originalan poŝtkarton el la supra serio, persone adresitan kaj stampitan. Sendajoj, kiuj ne konformiĝos al la supraj reguloj ne povos esti konsiderataj.

La efiko de tiu ĉi materialo, kiun ni submetos al la hungara poŝtministerio, dependos de la amplekso. Ju pli granda estos la nombro de dokumentoj kaj lingvoj des pli granda estos la impreso. Helpu laŭ via tuta povo. Ni anticipe dankas al ĉiuj helpanto

### Modelteksto por la gazetaro

*Hungara poŝto kaj turismo.*

Simile al aliaj landoj la reĝa hungara poŝto eldonas de pluraj jaroj oficialajn poŝtkartojn kun ilustraĵoj pri la allogaj turismaj lokoj de la lando. Pro la neebleco aperigi kartojn kun klarigoj en ĉiuj lingvoj kutime necesaj kaj uzotaj, la hungara poŝtdirekcio limiĝas al klarigo de la teksto en hungara kaj en franca lingvoj (lingvo de la Universala Poŝt-Unio) kaj en Esperanto por ĉiuj ceteraj lingvaj teritorioj. Ĵus elirinta nova serio de 15 kartoj pruvas la bonajn spertojn faritajn per tia procedo. La poŝtoj de Liĥtenstejno kaj Brazilo aperigis similajn eldonojn kun teksto germana-esperanta, resp. portugala-esperanta. Tiuj eldonoj kontribuis multe al progresigo de la turisma propagando de la koncernaj landoj.

### Fondo de Hungara Esperanto-Federacio

La 19 Majo okazis en Budapesto la fondo de la Hungara Esperanto-Federacio, kiu kunigas sub unu tegmento ĉiujn esperanto-organizajojn de Hungarujo. Pli ol 200 personoj kaj eminentuloj ĉeestis le fondiĝan solenon, prezidatan de S-ro eksministro, parlamentano D-ro Agost Benard. D-ro Antal Eber, parlamentano, prezidanto de la Komerca kaj Industria Ĉambro kaj de la Internacia Foiro de Budapest faris impresan paroladon pri la utileco de Esperanto. La sekvanta estraro estis elektita : prezidanto D-ro A. Benard, eksministro; Ĉefprotektantoj : S-ro Parlamentano Gabor Baross, D-ro Georgo Lukacs, ŝtatsekretario, S-ro G. Barono de Szalay, ĝen. direktoro de la reĝa hungara poŝto. Kiel afergvidantan prezidanton oni elektis S-ron Prof. J. Mihalik de Hernadzurdok, la meritplenan prezidinton de la U.K. de Esperanto en Budapesto 1929. Kiel landa direktoro estis elektita nia konata, fervora samideanino, S-ino Marg. de Szabó, edzino de S-ro polic-direktoro K. de Szabó, varma amiko de nia movado.

### Esperanto en la Hungara Parlamento

Finante la redakton, ni sciiĝas, ke la du protektantoj de la nove fondita hungara federacio, D-ro Benard kaj D-ro Antal Eber pledis sukcese en la hungara parlamento por enkonduko en la lernejojn. La Ministro por kultoj kaj instruado respondis al la interveno favore, deklarante, ke li studos la problemon.

### Eksterordinara distingo al S-ro. Hugo Steiner, Estrarano de UEA

S-ro Hugo Steiner, estrarano de nia asocio, fondinto de Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno kaj prezidanto de AEA estas ĵus distingita pro siaj gravaj meritoj por la Aŭstria fremdultrafiko, faritaj de li kiel gvidanto de la Esperanto-Radio-servo por eksterlando, per liaj multaj tiucelaj vojaĝoj eksterlande kaj pro la bonege sukcesinta Internacia Konferenco en 1934, per la titolo « Kortega konsilisto »,. Ĝi estas la plej alta titol-distingo por aŭstria ŝtatoficisto. La eksterordinara distingo al S-ro Steiner estas egale honorigo al la tuta Esperanto-movado, ĉar la nomitaj sukcesoj por Aŭstrio estis akiritaj de li ekskluzive per Esperanto.

Ni kore gratulas lin.

### La Magazenoj "Bon Marché" en Parizo kaj Esperanto

En la junia numero de nia organo ni povis raporti pri ĝojiga decido de la direkcio de la grandaj magazenoj « Bon Marché » en Parizo. Nia prezidanto atentigis nin, ke tiu ĉi sukceso estas fakte ŝuldita al la interveno de nia fervora pioniro, S-ro André Baudet, eksprezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo. Ni plezure konigas tion al la legantoj de « Esperanto » kaj esprimas samtempe nian gratulon kaj koran dankon al S-ro André Baudet pro lia ĉiama agemo.

### La fondiĝa Soleno de la Hungara Esperanto-Federacio en Budapesto



De maldekstre dekstren : S-ino Margareto de Szabó, landa direktoro de la Federacio ; S-ro. D-ro. Eber Antal, parlamentano ; Sro. D-o. Benárd Ágost, eksministro parlamentano, prezidanto de la Hung. Esp. Federacio ; S-ro. Prof. Mihalik de Hernadzurdok, afergvidanta prezidanto de la Federacio.

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— La Foiro de Budapesto denove aperigis interesan prospekton kaj reklam-folietojn pri la Foiro en Esperanto.

— La Ĝenerala Reklam-Komisiono de la nederlanda marbana urbo Noordwijk-aan-Zee ĵus eldonis 40-paĝan ilustritan gvidlibron, okaze de la 50-jara ekzisto de la banloko. La libro, kiu entenas la planon de la urbo kaj detalajn informojn pri la banejoj, hoteloj, pensionoj k.t.p., estas nederlandlingva, sed la enkonduka artikolo estas presita ankaŭ en la lingvo Esperanto.

— La « Pola Radio » dum la lastaj monatoj disaŭdigis kelkajn prelegojn en Esperanto pri Polujo kaj ĝia kultura vivo. Laŭ la ĵus publikigita raporto de la Pola Radio la prelegoj havis tre grandan sukceson. La direkcio ricevis ĉ. 2500, dank-leterojn.

— La Internacia Foiro de Marseille ĵus aperigis novan prospekton en Esperanto.

— La ilustrita revuo « Ciencia Popular » en Buenos-Aires regule publikigas Esperanto-rubrikon.

— En Cirju en Japanujo oni enkondukis Esperanton kiel devigan fakon en la studprogramon de la 7a kaj 8a lernjaro.

— La gazeto « Suomen Sosialidemokraatti » en Helsinki, publikigas rubrikon en Esperanto.

— La semajna organo «Oslo denne uke» (Oslo dum tiu ĉi semajno), eldonata de la Unuiĝo por vojaĝa trafiko de Oslo kaj ĉirkaŭo, inter artikoloj en norvega, germana kaj angla lingvoj, regule publikigas de nun novaĵojn en Esperanto, ĉiun duan semajnon.

---

# Ekspozicioj, foiroj kaj Esperanto

*Rezultatoj de la propagando per Esperanto de la Foiro de Lyon.*

En 1934, preparante la kunvenon de marto 1935, la Foiro de Lyon eldonis du novajn presaĵojn en esperanto : afiŝon trikoloran, (60 × 100 cm.) kaj tripaĝan faldeblan prospekton, en du koloroj.

Ankaŭ restis de la lasta jaro provizo da sorbpaperoj. Fine la katologo de Ekspozantoj entenis kiel kutime tradukon de la titoloj de industriaj grupoj en 5 lingvoj inter kiuj esperanto.

Komence de decembro 1934, la Foiro de Lyon sendis al ĉiuj gazetoj menciitaj en la jarlibro de UEA (t.e. 81 gazetoj) komunikaĵon informantan pri la eldono de la afiŝo kaj de la prospekto.

Tiu komunikaĵo estis represata de multaj gazetoj. Sekve de tio la Foiro de Lyon ricevis ĝis la fino de aprilo 301 korespondaĵojn en esperanto. Tio klasigas esperanton je la 5a vico de la fremdaj lingvoj en kiuj oni skribis al la Foiro dum tiu ĉi periodo, post la germana, hispana, itala, kaj angla lingvoj. Evidente tiu ĉi statistiko ne konsideras la leterojn, kiujn ricevis la eksterlandaj oficejoj de la Foiro.

Tiuj esperantlingvaj korespondaĵoj devenis de 30 landoj, kaj precipe de Japanujo, Nederlando, Svedujo, Germanujo, Britujo kaj Ĉeĥoslovakio.

La ĉi kuna statistiko montras la nombron de korespondaĵoj laŭ landoj, kun komparo kun la sama periodo de la antaŭa jaro. Notinda estas la kresko de korespondaĵoj el Japanujo. Valoras aldoni ke ankaŭ rimarkinda estas ilia korekta stilo kaj legebla skribo.

La korespondaĵoj, kiujn ricevis la Foiro devenas unuparte de komercistoj, kiuj deziras informojn, kaj aliparte de privataj esperantistoj, kiuj petas presaĵojn por montri al aliaj personoj.

La Foira afiŝo estis afiŝata en multaj publikaj lokoj : bankoj, kafejoj, en montrofenestroj de magazenoj, kaj en ekspozicietoj organizitaj de esperantistaj grupoj. Tiu afiŝo ankaŭ tre videble aperis en la Esperanto-standoj aranĝitaj en diversaj foiroj : Lille, Mulhouse, Bruges, Verona, Harlem k.t.p.

Kelkaj korespondantoj sendis al la foiro tre interesajn listojn de komercistoj kaj industriistoj, kiuj povas havi intereson por la Foiro.

Siaflanke la Foiro de Lyon kiel kutime metis standon je la dispono de la lokaj esperantistoj. Tiu ĉi stando estis senĉese plena de vizitantoj, kaj permesis fari tre fruktodonan propagandon.

### STATISTIKO

de la korespondaĵoj en Esperanto, ricevitaj dum 5 monatoj

1) de 1 decembro 1934-30 aprilo 1935

2) de 1 decembro 1933-30 aprilo 1934

| | 1934–35 | 1933–34 |
|---|---|---|
| Alĝerio | 1 | 1 |
| Aŭstralio | 1 | |
| Aŭstrio | 2 | 9 |
| Belgujo | 8 | 15 |
| Borneo | 1 | |
| Brazilo | 1 | 1 |
| Britlando | 18 | 4 |
| Bulgarujo | 15 | 8 |
| Ceĥoslovakio | 19 | 24 |
| Danujo | 6 | 1 |
| Estonio | 5 | 8 |
| Francujo | 46 | 47 |
| Germanujo | 20 | 18 |
| Greklando | | 1 |
| Hindujo | 1 | 1 |
| Hispanujo | 9 | 6 |
| Hungarujo | 2 | |
| Italujo | 2 | 4 |
| Japanujo | 52 | 18 |
| Jugoslavio | 2 | 4 |
| Kanado | 1 | |
| Latvio | 1 | 5 |
| Litovio | 1 | |
| Nederlando | 46 | 67 |
| Norvegujo | | 1 |
| Palestino | | 1 |
| Polujo | 7 | 5 |
| Portugalujo | 6 | 3 |
| Rumanujo | 1 | |
| Svedujo | 26 | 18 |
| Svislando | 1 | |
| Usono | 4 | 1 |
| U.S.S.R. | 5 | 3 |
| | 301 | 274 |

**Direktu viajn libro-mendojn al la Libroservo de U.E.A. 1, Tour de l'Ile, Genève (Svisl.)**
**Livero je original-prezoj**




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

11-a SOMERA UNIVERSITATO
KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

## 4a OFICIALA KOMUNIKO

### Gravaj avertoj por la Kongresanoj !

1. *Fervojoj.* — La L.K.K. sendos ĉirkaŭ la 15.a de julio la *rabatilojn* por ricevi la fervojajn rabatojn en Italujo. Ĉiu Kongresano ricevos po 7 rabatilojn en speciala kajereto (libreto) : du el ili *verdaj*, por la du vojaĝoj de iro kaj de reveno je rabato 70% : kvin el ili blankaj, por kvin libervolaj vojaĝoj je rabato 50%. — La Kongresano devos *subskribi* la kajereton en la interna unua paĝo, zorge plenigi la unuan rabatilon, kiu taŭgos por aĉeti la unuan bileton, aŭ ĉe la itala fervoja lim-stacio, aŭ ĉe Vojaĝkontoro en eksterlando, kiu disdonadas italajn fervojajn biletojn.

La apartenantoj al Karavanoj al la 27.a, ricevos specialajn instrukciojn de la Karavanestroj. Iliajn rabatilojn la L.K.K. dissendos ne rekte al ili, sed al la Karavanestroj, ĉar la fervoja vojaĝo estas jam entenata en la kotizo de la Karavano.

Oni povos laŭplaĉe plenigi la *unuan rabatilon* (verdan) por : de iu ajn itala fervoja limo, aŭ enira haveno, al *Firenze*, aŭ *Roma, aŭ Napoli*, aŭ unu el la Unuaj Koncentriĝoj, Bordighera, aŭ Torino, aŭ Milano, aŭ Verona, aŭ Venezia, aŭ Genova. Sed, se la vojaĝo al Roma-Napoli de la elektita limo estas rekta tra la preferata urbo de Unua Koncentriĝo, oni ĉiam zorgu por havi la unuan bileton je *kiom eble plej granda distanco, se eble ĝis Napoli* : alie oni devos preni du biletojn kaj oni pagos pli multe.

La bileto 70% de la limo ĝis Napoli validus laŭ la distancoj 8, aŭ 9, aŭ 10 tagojn (po unu tago por ĉia 100-kilometra distanco) kaj rajtigas halti survoje sen formalajoj laŭplaĉe, en la tempo de valideco. Por ĝi oni povos do halti en la Unuaj Koncentriĝoj, en Firenze kaj en Roma, laŭ la programo de la Kongreso kaj turismaj aranĝoj.

Do, la unua bileto ĝis unu el la urboj de la Unuaj Koncentriĝoj Bordighera, aŭ Torino, aŭ Milano, aŭ Verona, aŭ Venezia, aŭ Genova, taŭgos *nur en tre esceptaj okazoj*, nome, kiam, enirante tra iu limo oni volos iri unue al urbo el la diritaj ses, kiu estas *tute ekster la vojo rekta de la elektita limo al Napoli.*

Alveninte en la urbon, kie finiĝos la unua bileto, oni ne forgesu stampigi la kajereton de la Kongresa Oficejo, aŭ de la loka Membro de la L.K.K. (Bordighera, F-ino Eileen de B. Daly ; Torino, Kap. Franco Ramolfo ; Milano, Esperanto-Centro Itala ; Verona, Libt. Amerigo Reni ; Venezia, D-rino Carolina Minio-Paluello). — Sen tiu stampo, la sekvaj rabatiloj ne estos uzeblaj !

La reveno okazos per la rabatilo n. 7 (la dua *verda* rabatilo) kun rabato 70%, de Napoli, aŭ de Génova post la Krozado, al kiu ajn itala fervoja limo aŭ elira haveno : sed ĉiam laŭ la rekta (plej mallonga) vojo. La validtempo estos la sama : 8-9-10 tagoj por la nordaj limoj de Napoli, 3-4-5 tagoj de Genova, kaj simile, laŭ la regulo de po 1 tago por ĉiu 100-kilometra veturdistanco.

Zigzagajn vojaĝojn, deflankiĝojn, ktp, oni povos tute libere, laŭplaĉe, eĉ sen antaŭa difinita plano, prepari, per la uzo de la *Kvin Rabatiloj por kvin Libervolaj vojaĝoj* en Italujo.

Se hazarde oni uzis la unuan verdan rabatilon — kiel supre klarigite — ne por Roma-Napoli, sed ekzemple de limo Ventimiglia por atingi unue Venezia, tiam de Venezia al Napoli, aŭ Roma, oni devos uzi unu el la blankaj rabatiloj 50%.

Ĉiuj vojaĝoj estas *Simplaj*, do ili ne devigas al reveno tra la sama vojo : tio estas granda utilaĵo ! En ĉiuj vojaĝoj la validtempo de la aparta bileto estas limigita de la sama regulo : po unu tago por ĉiu 100-kilometra veturdistanco. Por vojaĝoj al distanco je malpli ol 200 kilometroj, ne estas permesata ia halto : por distancoj pli grandaj, haltoj estas permesataj, en la templimo de valideco de la bileto. Detalojn oni legu en la Avertoj, en la kajereto mem de la rabatiloj, baldaŭ ricevota !

La rajto uzi la rabatilojn validas de la 15a de julio ĝis la 31a de aŭgusto.

2. *Kartoj por libera veturo sur la Aŭtobus-linioj kaj tramlinioj en Roma.* — Ĉe la Kongresejo oni vendos specialajn kartojn por libera veturo sur la tuta reto de Roma, por la tagoj 5-6-7-8 aŭg. — La prezo de la kartoj por la kvar tagoj estos liroj 15.30.

3. *Kinematografaj aparatoj.* — Aparatojn por diletantoj je dimensio 16 mm. aŭ malpligranda — dank'al speciala interveno de la L.K.K. oni povos kunporti libere en Italujon.

## Sopiro al Italujo

*Ĉu konas vi la landon kun la flor'*
*De citronujoj kaj oranĝa or' ?*
*Bluegas la ĉiel' kun milda vent',*
*La mirt', la laŭro staras en silent'.*
*Ĉu vi ĝin konas ? Ho, al ĝi,*
*Al tiu suna land' sopiras mi.*

*Ĉu konas vi la domon sen kompar' ?*
*Kolonoj brilas, brilas la ĉambrar'.*
*Marmoraj dioj alrigardas nin*
*Kun la demand' : Kio ĉagrenas vin ?*
*Ĉu vin ĝin konas ? Ho, al ĝi,*
*Al tiu lando venu vi kun mi.*

*Ĉu konas vi la monton ? Kun fier'*
*Tra nuboj lumas ĝi el neĝa sfer'.*
*Dum ensonĝiga muĝo de l' torent'*
*Fabeloj vivas en ravita sent'.*
*Ĉu vi ĝin konas ? Ho, kun vi*
*Al tiu lando sopiregas mi.*

(Laŭ « Mignon » de Gœthe)

Karl VANSELOW, Berlino.

Oni devos deponi provizore doganpagon, kiun oni ricevos ĉe la eliro, eĉ tra tute alia limo : oni postulu specialan kvitancon prezentante la Kongresan karton.

4. *Kostumoj.* — Ni petas la Kongresanojn ne viziti la Oficialajn Akceptojn ĉe la Aŭtoritatoj en sporta, aŭ alia nekonvena kostumo. La Esperantistoj, kiuj prezentiĝas oficiale la unuan fojon en Italujo, pruvu jam ĉe la unua impreso ke ili estas la intelekta « elito » de la homaro ! Oni vestu sin digne por la Akceptoj kaj por la kunsidoj.

Ni tre varme petas ke oni portu kaj surmetu tre belajn naciajn kostumojn, *verajn kaj originalajn naciajn kostumojn.* Precipe ĉe la Internacia Balo, en Ostia (Lido de Roma) kie la lokaj Aŭtoritatoj akceptos solene la Kongresanojn kaj okazos festo de naciaj kostumoj.

5. *Naciaj Flagetoj.* — Ni tre petas la Kongresanojn kunporti la nacian *flageton*, se eble proksimume laŭ dimensio centimetroj 18 je centimetroj 27. Ili ornamos la tablojn de la kunsidoj kaj de la komunaj tagmanĝoj.

6. *Poŝt-adresoj dum la vojaĝo.* — Laŭ la datoj indikitaj en la Kongresaj Programoj, oni adresigu al si la poŝton laŭ jenaj adresoj :

*Al Milano:* « Esperanto », Galleria Vitt. Emanuele, 92.

*Al Firenze:* « 27-a Universala Kongreso de Esperanto », Hotelo Minerva.

*Al Roma:* « 27-a Universala Kongreso de Esperanto », Università, Via della Sapienza.

*Al Napoli:* « 27-a Universala Kongreso de Esperanto », Hôtel de Londres.

*Al Tripoli* (taga flugpoŝto) : « 27-a Universala Kongreso de Esperanto », S/S. « Sinaia ».

*Al Palermo:* « 27-a Universala Kongreso de Esperanto », S/S. « Sinaia ».

*Al Genova:* « 27-a Universala Kongreso de Esperanto », Hôt. Helvetia, pl. Nunziata, 22.

Oni ne forgesu indiki antaŭ la nomo *la Kongresnumeron.*

7. *Partoprenantoj al vojaĝo « Tra Italio ».* — Al *izolaj* partoprenantoj al vojaĝo « T » ni informas, ke ili ricevos baldaŭ de ni *specialan cirkuleron* kun la necesaj instrukcioj pri la vojaĝo. — Al partoprenantoj al *karavanoj*, ni informas, ke iliaj karavanestroj donos la necesajn informojn, ĉar ni ĝustatempe rilatos kun ili pri ĉiuj detaloj.

Al ĉiuj partoprenantoj al vojaĝo « T » (« Tra Italio ») ni avertas, kaj *tre varme rekomendas:*

« Ne kunportu pli ol po *unu peza pakaĵo* (ĝis 15 kilogramoj): se Vi kunportos pli multe, ni rezervos al ni la rajton postuli la krompagon por la portadoj. Informu nin pri la nombro da *pezaj* pakaĵoj portataj, kiam ili estos — tute escepte — *pli ol unu* ; sen tio ni ne respondecos pri ili ! »

8. NI HELPAS KAJ HELPOS AL VIA AGRABLA VOJAĜO PER ĈIU NIA FORTO ! HELPU NUN, HELPU TUJ VI AL NIA FINANCA DANĜERO ! MANKAS ANKORAŬ MULTAJ DEKOJ DA ALIĜOJ POR EGALIGI LA KOSTON DE LA KROZADO ! NEPRE PROPAGANDU POR NIA KROZADO ! NEPRE KAJ TUJEGE VARBU POR NIA KROZADO ! SAMIDEANOJ, ESTAS VIA DEVO ! DANKON !

La L. K. K.

**La Teatraĵo de la Dudeksepa**

La trupo de geaktoroj de la Esperanto-Grupo en Milano sin proponis por ludi ĉe la 27.a la faman komedion de Carlo Goldoni *Kurioza Okazaĵo*, tradukitan de « Mevo ». La L.K.K. danke akceptis tiun-ĉi proponon.

La teatraĵo jam aperis en bela eldono ilustrita, kiun la Kongresanoj rajtos aĉeti kun rabato de 40%.

Ĝi estas unu el la plej amuzaj verkoj de la « itala Molière ». Verkita en la 18.a jarcento, ĝi konservas sian tutan freŝecon.

La reĝisoran taskon, plenumatan de S-ro Felice Bertoletti el Milano, alprenos en la lastaj semajnoj S-ro Julio Baghy. Tiu ĉi nomo garantias pri la zorgo, per kiu la ludo estas preparata.

ALIGU

al la

**27-a Universala Kongreso**

**de Esperanto !**

**Partoprenu**

**al la Krozado**

# "Al Afriko"

*Unika okazo de mirinda*

*ŝipvojaĝo esperantista*

*je ekstreme favoraj kondiĉoj !*

**Skribu ankoraŭ hodiaŭ por informoj al :**

"ESPERANTO CENTRO ITALA"

(Komisiita de l'Turisma servo de UEA)

**Galleria Vitt. Emanuele, 92, MILANO**

# LINGVA PRAKTIKO

**Aktuala vortaro**

*(Daŭrigo)*

(Komparu N-on 415)

| | |
|---|---|
| *Specialaj interkonsentoj* | A : *special agreements*, F : *accords spéciaux*, G : *Sonderabkommen*, H : *acuerdos particolares*, I : *accordi particolari*. |
| *Limigo de l'armado* | A : *limitation of armements*, F : *limitation des armements*, G : *Rüstungsbeschränkung*, H : *limitacion de los armamentos*, I : *limitazione degli armamenti*. |
| *Interkonsento pri milit-ŝiparo* | A : *naval agreement*, F : *accord naval*, G : *Marineabkommen*, H : *accuerdo na vale*, I : *acordo navale*. |
| *Ter-armeo* | A : *land army*, F : *armée de terre*, G : *Landheer*, H : *ejército de tierra*, I : *esercito di terra*. |
| *Kontinenta Eŭro-po-pakto* | A : *European continental agreement*, F : *pacte continental européen*, G : *kontinentaler Europa-Pakt*, H : *pacto europeo continental*, I : *patto europeo continentale*. |
| *La politiko de la Ligo de Nacioj (L.d.N.)* | A : *the policy of the League of Nations*, F : *la politique de la Société des Nations (SDN)*, H : *la politica de la Sociedade de las Naciones (SDN)*, I : *la politica de la Società delle Nazioni (SDN)*. |
| *Pacema reguligo* | H : *pacific procedure*, F : *procédé pacifique*, G : *friedliche Austragung*, H : *procedemiento pacifico*, I : *procedura pacifica*. |
| *Pretendoj pri suvereneco* | A : *pretentions to sovereignty*, F : *prétentions à la souverainelé*, G : *Ansprüche auf Hoheitsrechte (Suveränitätansprüche)*, H : *pretenciones al la soberania*, I : *pretese alla sovranità*. |
| *Pretendo de la ŝtato pri tuteco (Tuteca pretendo de la Ŝtato)* | A : *Totalitarian claims of the State*, F : *prétention totalitaire de l'état*, G : *Totalitätsanspruch des Staates*, H : *pretesa alla totalità dello Stato*, H : *pretencione al la totalidad del Estado*. |
| *Netuŝebleco de la landlimoj* | A : *integrity of the frontiers*, F : *intégrité des frontières*; G : *Unversehrbarkeit (Integrität) der Grenzen*, H : *integridad de fronteras*, I : *Integrità delle frontiere*. |
| *Valuta diplomatio* | A : *Monetary diplomacy*, F : *diplomatie monétaire*, G : *Währungsdiplomatie*, H : *diplomacia monetaria*, I : *diplomazia monetaria*. |

R. Kr.

**La proksima eldono**

de "Esperanto" aperos en septembro

kiel duobla numero

**AŬGUSTO-SEPTEMBRO**

kun novaĵoj pri la Roma Kongreso

# Bibliografia Servo de UEA

*** Kl'uč Jazyka Esperanto. (Slovaka ŝlosilo laŭ normo de UEA, 2a eldono). Eldonis Ĉeĥosl. Asoc. Esp. Uralské nám. 447, Praha XIX. 32 paĝoj. Formato 8 × 11 cm. Prezo sv. frk. 0.15. (1935-40).

S. O. Jansson, F. Lindén, B. Gerdman : Svensk-Esperantisk ordbok. Eldon. Eld. Soc. Esperanto. Stockholm. 574 paĝoj. Formato 12 × 18 cm. Prezo sv. frk. 4.60. (1935-41).

Historio pri la Skismo en la laborista Esperanto-Movado. Eldon. S.A.T. 67, Av. Gambetta, Paris 20. 20 paĝoj. Formato 13,5 × 20,5. Prezo sv. frk. 0.40. (1935-42).

August Strindberg : Pasko. Eldon. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. Trad. Stellan Engholm. 88 paĝoj. Formato 14,5 × 21,5. Prezo sv. frk. 1.15. (1935-43).

Matrikel 1935. Eldon. Svenska Esp.-Förbundet, Stockholm. 72 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. (1935-44).

Peter Frey : Esperantaj historietoj I. Eldon. Peter Frey, Haderslev. (Danujo). 47 paĝoj. Formato 13,5 × 19 cm. (1935-45). Prezo sv. frk. 0.70.

Enciklopedio de Esperanto II vol. K-Z. Eldon. Literatura Mondo, Budapest. Paĝoj : 327 tekst., 184 bildpaĝoj. Formato 15,5 × 23,5 Prezo : bind. sv. frk. 34.—, broŝ. sv. frk. 30.— la du volumoj + afranko 10%. (1935-46).

El Tragedioj de Shakespeare. *Kompilita de Mijake-Sihej* Eldon. Japana Esperanto Instituto, Hongo-Ku Motomaĉi I. Tokio. 95 paĝoj. Formato 11 × 18 cm. Prezo sv. frk. 0.90. (1935-47).

« Kan -u -go ». La nova krucvorta ludo. Solvendo : Brita Esp. Asocio, 142 High Holborn, London W.C.I. Formato 11 × 7,5. Prezo sv. frk. 2.50. (1935-48).

# Tra la libraro

Iom stranga estas la : *Romano pri Afrika Bieno* ; ĝin verkis en Sud-Afriko Olive Schreiner, kaj ĝia apero en 1883 famigis la aŭtorinon, arda pacifistino kaj feministino. Verko de junulino, sen studoj kaj spertoj, parte laŭ personaj travivaĵoj kaj ekzistintaj herooj, la libro ĉefe montras la evoluon mensan de infano kun ĝiaj imagaĵoj, iluzioj, religiaj ekstazoj kaj la penigan falon en la realaĵojn de l'vivo. Strange estas, ke multe da diversaj temoj estas traktataj, ofta troeco ĉe unuaj verkoj, kien novulo volas enverŝi sian tutan scion ; strange estas, ke la aĝaj personoj kondutas infane kaj ridinde dum infanoj parolas kaj rezonas filozofie kaj metafizike ; strange, ke iu malnobla trompulo sukcesas per intrigoj, kiujn eĉ stultulo tuj suspektus. La valoro de l'libro kuŝas en priskribo de la iama vivo de l' buroj for de la urboj, en analizo de infana animo, kie Freŭd'aj psikistoj trovus studtemon, en reliefo de kelkaj herooj, en kelkaj folkloraj pentraĵoj, kiel tiu de la edziĝa festo. Entute oni miras pri la troigitaj laŭdoj cititaj en la antaŭparolo, sed la libro plaĉos al sentimentaluloj pro la temoj elektitaj, pro la intima sentebla personeco de l'aŭtorino. La traduko de Stephen A. Andrew, malgraŭ kelkaj makuletoj, estas bona.

En bela eldono, kun titolo *Amelia kaj Marina, Amatora poezio*, Julio Mangada Rosenörn kolektis ampleksan aron da versaĵoj kaj poemoj ; kelkaj imitas hispanajn formojn : Romanco kaj Segidiljo ; partoj estas personaj aŭ familiaj konfesoj ; portretoj de l'aŭtoro, ties edzino, filo kaj filinoj ornamas la libron, kiu al du mortintaj el la filinoj estas dediĉata ; aliaj parolas pri la lando, urboj, festoj, esperantaj okazoj, k.t.p. La ritmoj estas diversaj ; abundo da mallongaj

versoj estas iom unutonaj ; la rimoj estas zorge elektitaj, se ne tre novaj. Provo eliri el la ĝenerale uzitaj ritmoj estas atentinda ; sed la rezultato estas ne kontentiga ; la versoj sonas strange kaj neplaĉe por la orelo. Plie multaj el la temoj tute ne estas poeziaj. Versigita prozo, jen kio estas multaj partoj. Sed la aŭtoro anoncas rezigni la titolon poeto, tial estus nejuste riproĉi al li mankojn konsciatajn. Ekzemple post jena plaĉa strofo el « Pri ondoj » :

« Mildaj ondoj de l' maro
Venas, revenas
en marbordon ; neniam
do, sin detenas
ili ; senĉese
ili fluas, refluas
ĉiam karese. »

troviĝas en la sama poemo :

« Ondoj de l'telegrafo
kaj telefono
Gravaj komunikiloj
por la diskono
de la progreso ;
sed Radio plej granda
lasta sukceso. »

aŭ en alia, kun ĉarmaj partoj, pri Seviljo :

« Hispanamerikana
Ekspozicio...
Tre grava kaj ne vana
la industrio... »

Tamen ankaŭ bonaj poemetoj troviĝas ; ni citu almenaŭ unu el ili :

*Kio ŝi al mi ?*

| | |
|---|---|
| Estas al mi : ŝia belo | Ŝia milda diresprimo, |
| Celo ; | rimo, |
| amjesanta ŝia diro | sur la lipoj ŝia rido |
| deziro ; | konfido, |
| ŝia flama la rigardo | en okuloj ŝia larmo |
| ardo. | ĉarmo. |
| Estas al mi la standardo | Tial amoplena varmo |
| plej alloga kaj plej glora | en la mia koro ardas |
| ŝia la hararo ora, | kiam ŝin mi ekrigardas, |
| pro la cel', dezir' kaj ardo. | pro la rim', konfid' kaj |
| pro la cel', dezir' kaj ardo. | ĉarmo.) |

Al mi ŝia neestimo
timo,
ebla ŝia la rifuzo,
ĵaluzo ;
amneanta ŝia vorto
morto !
Al mi estu bona sorto !
Ami min ne sin detenu ;
ĉar, se male, tuj jam venu
timo, la ĵaluz' kaj morto.

*Kun pafilo kaj libro,* de A. Isbaĥ, traduko de V. Zamjatin, estas detala priskribo de unujara soldata servo en la ruĝa armeo, laŭ propra sperto de l'aŭtoro. Ĉiuj etapoj de la lernado. ĉiuj tipoj de rekrutoj vice aperas. La libro havas celon propagandan ; tial ĉio estas alloge rozkolore pentrita, ĉiuj bonaj flankoj de la kazerna vivo entuziasme laŭdataj kaj la malbonaj eĉ ne aludataj. La ĉiama laŭdo iĝas iom naiva kaj unutona. Rimarkinde, ke se dum ekzercoj kaj laborhoroj regas necesa disciplino, vespere, ĉe politikaj kaj klerigaj kunvenoj, estroj kaj subuloj rilatas egalrange kiel kamaradoj. Cetere ŝajnas, ke malgraŭ tio, malgraŭ la oferpreteco kaj fiero de l'junaj soldatoj, la ruĝa armea sistemo ne tiom diferencas de la alilandaj. En la traduko, ĝenerale viva kaj bona, oni trovas la longajn inversojn oftaj ĉe slavaj tradukoj, uzon de « ti » por « tiuj », de « si » por la unua persono, multajn fakterminojn, kies klarigo estus tre utila por leganto.

*Imenlago,* novelo de Theodor Storm, tradukita de A. Bader, iam aperinta en La Revuo, estas nun represata en Ĥinujo kaj akompanata per ĉiulingvaj tradukoj, komparoj, klarigoj kaj aliaj komentoj. La novelo mem estas ĉarma idilio gejunula pri maltrafinta amo. La traduko enhavas kelkajn germanismojn, troan uzon de « je » kaj de kelkaj sufiksoj, sed krom tio estas simpla, komprenebla kaj flua.

*Ĉe la lulilo,* Ludo pri feinoj, kiuj dotas junaskiton, estas ĉarma versa sceneto, lerte verkita de S-ino Varma Thilander por la 13-a kongreso de blindaj esperantistoj en Stockholm, 1934. Inter la donacantaj feinoj, aperas Funebro, kaj anoncas la blindecon de ` novanaskito, kiu tamen havos vivindajn jarojn :

« Ho rigardu, ankaŭ la blindulo
Povas vivi kiel feliĉulo ! »

Unua maloftaĵo : la poezia feaĵo estas broŝure presata sen ĉapelitaj literoj, kaj anstataŭa uzo de « h ».

G. S.

---

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

### Ho, tiuj skotoj !

En Ĝenevo kunestas internacia societo. Oni decidis organizi komunan ekskurson kun pikniko kaj ĉiu partoprenonto komportu produkton de sia lando. Tiel la italo alportis belegan salami-kolbason, la franco botelon da Bordo-vino, la ruso skatolon da originala kaviaro, la germano kolbasetojn de Frankfurto, la anglo mirindan pudingon ; la skoto alportis — sian fraton.

Skoto venis al Ĝenevo por daŭrigi siajn studojn. Post longa serĉado li trovis tre malkaran ĉambron en la plej alta etaĝo de domo. Li inspektis ĝin ĉiel, sed ankoraŭ hezitis antaŭ ol koni la perspektivon. Rigardante el la fenestro li rimarkis, ke vidalvide estas preĝeja turo, kies horloĝon li povas vidi ĉiumomente. Li decidis lui la tre malkaran ĉambron kaj... — tuj haltigis sian poŝhorloĝon.

### Modesteco

Azenpelisto en Andoro renkontis al konato en malnova, eluzita Ford-veturilo. La konato haltigis lin, alvokante lin : Jen mia nova aŭtomobilo ! « Nova aŭtomobilo », tre bone, diris la azenpelisto, « kaj jen mia plej nova ĉevalo ! »

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondukponoj). La nombra de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

| | | |
|---|---|---|
| *bfl.:* poŝtmarko sur la bildflanko. | *intŝ.:* interŝanĝo. | *PI:* poŝtkarto illustrita. |
| *c.r.:* certe respondos. | *k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj. | *PK:* poŝtkarto. |
| *dez.:* deziras. | *kor.:* korespondi. | *PM:* poŝtmarko. |
| *f-ino:* fraŭlino. | *L.:* Letero. | *s-ino:* sinjorino. |
| *gaz.:* gazeto. | *p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo. | *sro:* sinjoro. |

*Hodonin* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Jaroslav Stribry, strato Krajickova 33, intŝ. PM., k.ĉ.l.

*Locarno* (Svislando). F-ino L. Pedrazzini, Villa Messico intŝ. 100 svisajn, PM., kontraŭ 100. Ne sendas unue. C.r.

*Orléans* (Loiret, Francujo). S-ro Schweingruber, Rue des Africains, serĉas agadkampon en mezmara lando por entreprenema arbkulturisto kaj petas sciigojn pri vorto « karamba » por tezo.

*Bron* (S. et. M., Francujo). Nova Grupo dez., gekorespondantojn, k.ĉ.l. Skribu multnombre.

*Gent* (Belgujo). 33-jaraj geedzoj serĉas gesamideanojn (precipe anglajn). Korespondado, intŝ. vizitoj. Adr. : Syra, St. Lievensstraat 74.

*Sevilla* (Hispanujo). S-ro Ceferino Berloz de la Mata, Strato Palmas 96, intŝ. PI., k.ĉ.l.

*Palaiseau* (S. et O., Francujo). S-ro Marcel Leborne, 65, rue de Paris, dez. intŝ. PI. aŭ L., k.ĉ.l. C.r.

*Kralingsche-Veer* (Nederlando). S-ro A. Versnel, frizisto, Vondelstraat 15, k.ĉ.l., p.ĉ.t. Nepre respondos al ĉiuj.


!  !

**La plej perfekta kaj sekura librotenado, adaptebla por ĉiu entrepreno**

**Librotenado per traskribo mana aŭ maŝina Sistemo Ruf**

Enkondukita de la C. O. de UEA

*Reprezentantoj en eksterlando*

**RUF-BUCHHALTUNG A.G.**
**Löwenstrasse 19, Zürich**



**Antaŭ ol vi vojaĝos al la KONGRESO EN ROMO, vizitu HISPANUJON**

**ĈU NEEBLE ? — TUTE NE !**

**Tiam akiru ekzempleron de la tiel multe sukcesanta libro de l'ARAGONA ESPERANTO-FEDERACIO**

**"Sango kaj Sablo"**

16×22 cm. 232 paĝoj kaj belega, kvarkolora librofasado kaj vi ne nur kvazaŭ oportune trairos la tipan sunlandon, sed vi kunvivados ĝian karakteron kaj ĝiajn pentrindajn morojn per sorĉo de la mirinda plumo de

**VICENTE BLASCO IBÁÑEZ**

Prezo : 9,50 pesetoj por Fremdlando ; 8,50 ptoj. por Hispanujo. Sendokosto enkalkulita — 1 peseto = proksimume : 0.40, sv. fr. = 0.33 gmk.

Mendu rekte al ĉe tradukinto : **Ramón de Salas,** Norma, Supera Diplomito de la Hisp. Esp. Instituto **Str. Cervantes 5 - Zaragoza - Hispanujo** antaŭsendante la monon per poŝtmandato aŭ facile enspezebla ĉeko. Lokaj Bankoj : Banco español de Crédito, Banco Hispano-Americano

**La malfortaj punktoj en la betona konstruo**

- Tro multe da miks-akvo
- Malfortigo per kanaloj
- Domaĝigo per frosto, vetero aŭ nesufiĉa denseco
- Malbona adhero de l'fer-armaturoj
- Gruzo-nestoj, formiĝo de ŝlimo

**estas evitataj per PLASTIMENT**

Pulvoforma aldono, simpla kaj efika en uzado. Plikosto nur 10-15 % po m³ da betono.

KASP. WINKLER & C. ZÜRICH-ALTSTETTEN

**Kavaj plat-plafonoj sen ligna armaturo**

svisa Pat. 116 302 — Pat. 134 537 (D. R. P.)
Aliaj eksterlandaj Patentoj

Unuaklasaj rezultoj ĉe oficialaj kaj privataj provo-ŝarĝoj en la en- kaj eksterlando

Garantio pri senfendeco. - Praktike sen salpetro.

**Fabriko de Betonfostoj Oberrieden, Karl Ottiker**

Oficejo : Zürich 6, Hofwiesenstrasse 44

Telefono 61.260

**WASHINGTON HOUSE**
Parco Margherita 36, NAPOLI
Tramo N° 25 de la Centra Stacidomo
Moderna Komforto, fluanta akvo varma kaj malvarma.
Aristokrata kvartalo. — Tre zorgata kuirado
Specialaj prezoj por Esperantistoj. — Hotelo, kiu reklamas en la Jarlibro de U.E.A. — Esperanto parolata.

**HOTEL EXCELSIOR**
1., Rotenturmstr. 24
WIEN (Aŭstrio)
*Unuaranga familia hotelo. Moderna komforto. Moderaj prezoj. Fluanta akvo, varma kaj malvarma.*
Telefono en la ĉambroj

**HOTELO CONTINENTAL**
BUDAPEST VII,
Dohány-utca 42-44
En la centro. 180 ĉambroj.
Moderna komforto
Luksa filmteatro. Dancejo.
Muziko. Frizejo. Moderaj prezoj
*Esperanto uzata.*

**ALBERGO SEMPIONE**
MILANO, via Manuzio, 11
Ĉia komforto
Tre zorgata kuirado
Ĉambroj unulitaj ekde 10 Liroj
» dulitaj » 20 »
Plena Pensiono L. 25

**St-JAMES HOTEL**
134 Strada Santa Lucia
La VALETTA (Malto)
Unuaklasa familia hotelo en la Centro de la urbo
*Moderna komforto*
Posed.: Raph. Gabaretta

**HOTELO AUSTIN**
*26, Rue d'Amsterdam,* Paris 9.
Ĉiu komforto Konvenaj prezoj
Regule loĝata de esperantistoj
Urbocentro
Praktika komunikado

Vizitu la plej belan kaj plej frekventitan somer-restadejon de Vorarlbergo-Aŭstrio,
**SCHRUNS**
Informojn donas
*Verkehrsverein Schruns*
*Entrepreno de U.E.A.*
(Vorarlb. Aŭstrio)

**BANKO DE MALTO**
(Bank of Malta)
Bank-operacioj de ĉiuj speco
Sidejo :
Strada Reale
La VALETTA (Malto)

Tiu ĉi spaco kostas
**Svis. Fr. 5.—**
Rabato por ripeto :
3 fojoj — 5 %
6 » — 10 %
12 » — 20 %

**HOTEL ADLER**
VADUZ (Liĥtenstejno)
Ĉambroj depost sv. frk. 3.50
Moderna komforto

Fabriko eksportanta
Stelo-tolaĵojn
**" EMES "**
MÜLLER & SEIDE
NIEMES (Ĉeĥoslovakio)

**STENOGRAFIO**
STOLZE-SCHREY
Lernolibroj por la lingvoj angla, franca, germana, hispana, itala *kaj Esperanto*
Eldonejo H. Bebie
Wetzikon (Zürich)
(Svislando)

Tiu ĉi spaco kostas
**Svis. Fr. 10.—**
Rabato por ripeto :
3 fojoj — 5 %
6 » — 10 %
12 » — 20 %

Ostaj kaj gangliaj malsanoj
Malrekteco de la vertebraro
**Kompleta resaniĝo**
30 & 35 ffrk. tage.
Kuracejo St Hilaire
Berck-Plage (Francujo)

**FRATOJ BENDA, REICHENBERG, Ĉ.S.R.**
Fabrikado kaj eksporto
de sinjorinaj vestoj, bluzoj, antaŭtukoj kaj infanvestoj

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 662-7-35.